2.ª Ep. AÑO IV, N.º 20 (156) JULIO-AGOSTO 1966




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# HOMENAJE POSTUMO

El Grupo de Esperanto del Club de Amigos de la UNESCO, de Barcelona, organizó una solemne sesión en homenaje póstumo al Prof. Delfí Dalmau, fallecido el 15 de abril del año pasado.

*(Reportaje en páginas interiores)*

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.

Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de secretaría

Como en años anteriores, la Directiva de H.E.F. se ha preocupado de que no faltase matasellos especial conmemorativo del 27 Congreso Español de Esperanto, y una vez más ha sido concedido matasellos especial con motivo de nuestro Congreso. Esperamos que la noticia sea de satisfacción para los esperantistas.

Desde el 16 de julio al 1 de septiembre, estaré fuera de Zaragoza, lo que comunico para que no sorprenda si hay retraso en contestar a la correspondencia llegada a Secretaría durante ese tiempo.

*Inés Gastón*

DONATIVOS PARA BOLETIN - 1966

| | | |
|---|---|---|
| *Suma anterior* ... | | 2.135 |
| J. Orós ... | Zaragoza ... | 100 |
| Un samideano ... | ... | 100 |
| D. Brugués ... | Barcelona ... | 25 |
| M. Manteca ... | Madrid ... | 50 |
| M. Manteca ... | Icod ... | 50 |
| J. Franquesa ... | Lérida ... | 150 |
| J. A. Sierra ... | Beniarbeig ... | 10 |
| D. Cebollero ... | Zaragoza ... | 30 |
| J. Serra ... | Botarell ... | 25 |
| J. María Serés ... | Cervera ... | 150 |
| L. Pérez Bárcena | Bilbao ... | 100 |
| J. Figueras ... | S. Esteban Bas | 50 |
| M. Tarragó ... | Almatret ... | 50 |
| G. Bosch ... | Valencia ... | 150 |
| J. María Bernabeu. | Callosa Segura | 40 |
| M. Ruiz Maza ... | Madrid ... | 50 |
| C. Olalla ... | Bilbao ... | 60 |
| A. Costa ... | Ibiza ... | 25 |
| S. Carreira ... | Lisboa ... | 80 |
| B. Serra ... | Barcelona ... | 30 |
| R. Canet ... | Alicante ... | 200 |
| Un samideano ... | ... | 1.000 |
| Hijos de F. Soler . | Valencia ... | 50 |
| P. Moreno ... | Madrid ... | 50 |

Mendu jam:

- Poŝkartojn kaj glumarkojn de nia XXVIIª Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. kun la J. I. K.—alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teksto "Esperanto-La Lengua Internacional", 5,00 ptojn. deko.

## ¡El 53 Congreso Universal de Esperanto en España!

En el número de marzo-abril del BOLETIN, la Directiva de H.E.F., comunicaba a todos los asociados que, complaciendo numerosas peticiones de esperantistas españoles y extranjeros y los propios deseos de todos cuantos colaboramos en las labores de la Federación, se había cursado una invitación oficial a la Asociación Universal de Esperanto (U.E.A.) para celebrar en nuestra nación el 53 Congreso Universal de Esperanto, en el año 1968.

Como saben bien nuestros lectores el anterior Congreso Universal de Esperanto en España, tuvo lugar en Barcelona en el año 1909, con asistencia del Dr. Zamenhof, siendo Presidente de Honor S. M. el Rey Alfonso XIII.

Hoy podemos comunicar con íntima satisfacción a todos nuestros asociados españoles y abonados extranjeros, así como a todos los esperantistas y simpatizantes del Esperanto en general, el haber recibido la aceptación oficial a nuestra invitación por parte de la Asociación Universal de Esperanto, para que en el año 1968 tenga lugar en la bella capital de nuestra nación el 53 Congreso Universal de Esperanto, pudiendo así verse realizado este general deseo.

Estamos seguros de que todos los esperantistas españoles, compartiendo esta satisfacción con nosotros, se dispondrán para que este acontecimiento internacional constituya un memorable éxito en los anales del Esperantismo español.

*RED*

## NO LE OLVIDEMOS

No cabe que se reparta este número de nuestro BOLETIN, en las puertas ya de nuestro Congreso de Bilbao, sin que aparezcan en él unas líneas en recuerdo de nuestro buen amigo D. Jaime Iranzo Navarro que, nuevo Moisés, ha muerto a la vista de la tierra prometida; quiero decir, de este Congreso en su villa querida, en la que tanto laboró en pro de nuestro ideal esperantista.

Líneas que escribo, en primer lugar, como Presidente de H.E.F., pues es misión de la misma el honrar como se merecen a los bravos pioneros que se sintieron avanzados en esta conquista espiritual.

Sepan los jóvenes de hoy lo mucho que deben a los que, en años difíciles, supieron luchar por ser comprendidos y abrieron en tierras, no siempre propicias, el surco que había de albergar la semilla.

Pero escribo esto, también, pensando en el amigo, en el cordial amigo que conocí y conmigo conocieron mis hijas— en distintos Congresos Universales, arrancando de aquel que, en todos los que fuimos, dejó huella, de Varsovia, en el centenario del nacimiento del Doctor Zamenhof.

Ya se habrá encontrado con él en el Cielo desde donde verá, con visión superior a la de nuestros ojos de la carne, ese Congreso Nacional que con tanta ilusión esperaba en esa noble tierra de Vizcaya en la que, siguiendo lo que el Maestro escribió en su poesía «La Vojo», supo sembrar, sembrar constantemente...

*M. Sancho Izquierdo*



«...laburu, laboregu senlace, senhalte, senĉese, senspire se necese, kuraĝaj verdstelanoj! Ŝvite puŝu antaŭen la ĉaron de nia sankta afero kaj baldaŭ, eble tre baldaŭ, ni povos pace kaj trankvile ĝuadi la orajn fruktojn de nia... de mia... Ĉu, de mia aŭ de nia?

—Naivulo!

...la orajn fruktojn de mia... de nia...

—Naivulooo!!

Plom! La pordo brue malfermiĝas, kaj mia edzineto tre amata huragane penetras en mian pensoĉambron.

—Naivulo. ĉu vi estas surda? Mi alvokis vin dekfoje!

—Oh, karulineto, pardonu min. Mi estis verkante gravan eseon kaj vi fortranĉis la fadenon de mia inspiro. Dio! Kion povus fari la tuta esperantistaro sen miaj lumigaj vort...

—Kaj kion povos fari nia kuirejo se vi ne iras purigi ĝin? Naivulo, vi frenezigas min. Ankoraŭ pli... ĉu vi jam plenigis la aliĝilojn por la Bilbaoa Kongreso?

—Ne estu infana, karulino. Ni havas sufiĉan tempon por tio. La Kongreso ja komencas la deknaŭan de Julio, ĉu ne?

—Jes. Sed BOLETIN rekomendas tujan aliĝon. Tiamaniere oni povas helpi la organizantojn.

—Kion vi diras? Mi? Mi, helpi la organizantojn Tute kontraŭe! Estas ili, kiuj devas zorgi pri mi, allogi min, dorloti min. Kiam oni akceptas respondecon, karulineto mia, oni devas akcepti ĝin tute plene. Ke ili laboru, kaj mi aliĝos ĝuste en la malferma kunsido.

—Sed, ĉu vi ne komprenas, ke en Bilbao ne estas facile trovi hotelon, kaj ke vi riskas dormi sur la benkoj de Arenal?

—Tio ne okazos. Ke ili kuradu langofore de hotelo al pensiono kaj de pensiono al hotelo, sed mi dormos sur bona lito, pri tio mi estas certa,

—Malfeliĉuloj! Ili penas prepari neforgeseblan Kongreson. Ĉu ili ne meritas ke bonaj esperantistoj faciligu ilian taskon?

—Karulino, vi havas tro molan koron. Bone... Mi haltigos mian aktivigan laboron por veni al tiu ĉi vulgara tasko. Bah, plenigi aliĝilojn! Kial la Federacio ne dissendos aliĝilojn jam plenigitajn Mi proponos ĝin en Bilbao.

—Brila ideo, Naivulo. Kiel via.

—Dankon, karinjo. Vi estas inteligenta. Ĉiutage vi malkovras novan brilan faceton el mia riĉa menso. Jen. Aliĝiloj plenigitaj. Sro. Naivulo kaj edzino. Enpoŝtigu ilin kaj lasu min lumigi la vojon al la esperantistaro, kiu sojfe atendas miajn vortojn.

—Nu, vi nur skribis niajn nomojn. ĉu ni ne sendos la monon? Kiel membroj de Federacio, ni devas pagi 135 pesetojn, plus modestan donacon por la Kongreskaso.

—Pri pagoj estas preferinde ne paroli, edzineto mia. Oni ja pagos en Bilbao. Mi estas fidinda persono, ĉu ne?

—Kaj vi ankaŭ ne menciis pri loĝado. Ĉu ni mendos ĉambron en la Universitata Restadejo? Loĝado tie, inkluzive matenmanĝon, kostas nur 75 pesetojn po persono. Tio estas preskaŭ donaco. Kelkaj kunsidoj okazos en la sama Domo, kaj...

—Karulino, tiuj detaloj gravas nur al la organizantoj, ne al mi.

—Konvenas sendi la aliĝilon tute enorde, Naivulo. Iu birdeto diris al mi ke la ĉambroj de la Restadejo estas bonegaj. Modernaj, eksteraj kaj tre komodaj.

—Kaj alia birdeto diris al mi, edzineto mia, ke granda parto de la kongresontoj ne plenigis la tutan aliĝilon. Almenaŭ, ili ne parolis pri loĝado. Kion signifas tio? Ke mi ne estas la sola, kiu problemigos la laboron de la LKK. Ankaŭ, tiu sama birdeto aldonis, ke ankoraŭ mankas multaj nomoj de ĉiujaraj kongresistoj en la listo de aliĝintoj.

—Ili devus aliĝi kiel eble plej frue. Kaj ni ankaŭ. Do, mi mem kompletigos la aliĝilojn kaj enpoŝtigos ilin tuje. Kaj nun, karulo, lasu tiujn paperaĉojn kaj iru

purigi la kuirejon. Vi ja scias ke ĉivespere miaj amikinoj atendas min por ludi pinaklon.

—Amatino, mi konas ĉiujn devojn de modela edzo, kaj bone plenumos ilin. Iru pinakli. Dume, mi purigos la kuirejon kaj finos mian eseon. La esperantista mondo senpacience atendas la signon de mia fingro montrante la celon al kiu ni iras. Senĉesa laborado, konstante frapante (kaj pri tio Zamenhof mem koincidas kun mi), kondukos nin al la triumfo de esperanto.

—Naivulo, lumturo de la hodiaŭa esperantistaro, mi admiras vin. Ĝis poste.

—Edzineto tre amata, esperanto meritas nian tutan sindonemon, nian plej elkoran malavarecon. Jen! Unu peseto por la poŝtmarko.

—Dankon, disdonulo. Muá.

—Muá. Ĝis reveno, karulino.

*JES*

## NIAJ GRUPOJ

*Inaŭguro de la nova sidejo de la Grupo "FIDO KAJ ESPERO"*

Pli ol sepdek personoj, inter geanoj kaj geamikoj de la loka esperantista societo, kunsidis la 8an de Majo je la 12ª horo en la Preĝejo «NIA SINJORINO DE LA ANGOROJ» por aŭskulti la Sanktan Meson, kiel unua parto de la programo organizita de la Estraro okaze de la beno kaj inaŭguro de la nova sidejo.

Pastro Jonás Castro Toledo (I.K.U.E.-ano) benis esperantlingve la novan esperantistan hejmon. Poste, la Prezidanto, Sro. G. Castañón, per mallonga parolado dankis al ĉiuj, ĉefe al la ne esperantistoj, ilian ĉeeston kaj informis pri la plej gravaj okazintaĵoj. Inter ili, li menciis la novan elementan kurson pri ESPERANTO, kiun gvidos Sro Sastre kaj komencos la 17an de la nuna monato; la ekskursoj kiuj okazos al diversaj lokoj, la XXVIIan H.E.K. okazonta en Bilbao, kie, ni esperas, la Grupo estos bone reprezentata, kaj la preskaŭ certa celebro en nia lando la jaron 1968 de la LIIIan U.K., pro tio la Prezidanto petis al ĉiuj, novan klopodon por ke la scio de la internacia lingvo estu pli perfekta, ĉar tiam ni povos konstati la efikon kaj taŭgecon de la internacia lingvo parolante ĝin kun samideanoj de la plej diversaj landoj.

Fine, komencis funkcii la bufedon, kiu estas instalita por sola uzo de la geanoj kaj oni kantis la himnon «LA ESPERO». Ĉiuj lokaj ĵurnaloj publikis informojn, eĉ kun foto, pri tiu grava evento de la loka esperanto movado.

L. HERNANDEZ

### NOVA FILMO EN ESPERANTO

La filmo estas 8 kaj 16 mm. larĝa kaj la prezento estas kolora kun dialogo en Esperanto. La hispanaj grupoj kiuj deziru ekzempleron de la FILMO, bonvolu tion komuniki al la samideano S-ro MANUEL ROMERO. A. Apaolaza, 32, Ent., A. ZARAGOZA.



## Niaj pioniroj...

# Alberto Menéndez González

Nia hodiaŭa pioniro, ALBERTO MENENDEZ GONZALEZ, naskiĝis en Gijon (Asturias) en la jaro 1893, kaj lernis Esperanton antaŭ ol vesti longan pantalonon. De tiam Esperanto estis lia dumviva idealo.

Profesoro en multnombraj kursoj de Esperanto, entuziasma fervorulo, sciis frue, ke la sukceso de iu ajn entrepreno postulas la daŭran sindediĉon de ĉiuj, kiuj kapablas kompreni ĝian signifon. Tial la ŝlosilon de lia vivo ni trovos en lia senĉesa agado por Esperanto: en Gijon, li fondis la Grupon de la «Ateneo Jovellanos», organizis diversajn Esperanto-Ekspoziciojn kaj fine la memorindan Kongreson de Esperanto en Gijon en la jaro 1955. De antaŭ 36 jaroj li estas Delegito de Universala Esperanto Asocio en Gijon.

En siaj respondoj, S-ro Menendez aludas ofte al sia iama profesoro de Esperanto S-ro Francisko Menendez Rua, dank'al kies kontaĝa fervoro li lernis, krom la lingvo, ŝati Esperanton kaj ties interna ideo.

Jen liaj koncizaj sed trafaj respondoj al niaj kutimaj demandoj:

1. *Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

   En la unuaj jaroj de ĉi tiu jarcento estis en Gijon pluraj pioniroj de Esperanto, veraj entuziasmuloj. Unu el ili, la memorinda meritplena S-ro Francisko Menendez Rua —estu al li omaĝo la apero de lia nomo ĉi tie—, fondis en la Centro Katolika, la Grupon «Astura Esperanstista Asocio», kaj li tie senĉese gvidis kursojn de Esperanto, unu post la alia. En 1908 mi, 15 jaraĝa knabo, estis kaptita, kaj... mi ne plu lasis la «aferon».

2. *Kiu estis la ĉefa faktoro, kiu instigis vin lerni Esperanton?*

   La magneta entuziasmo de la menciita pioniro.

3. *Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo.*

   Ke ĝi estu lingvo helpa internacie.

4. *Kion vi —spertulo— konsilus al la esperantista aro por pliviigligi kaj pligrandigi nian movadon?*

   Ke ĉiu pioniriĝu entuziasme kiel la unuaj esperantistoj.
   Ke ĉiu kuraĝe semu kaj semu konstante.

5. *Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

   La ankoraŭ aktualan: «Tra densa mallumo briletas la celo al kiu kuraĝe ni iras: simile al stelo en nokta ĉielo al ni la direkton ĝi diras. Sed vin ne timigu la noktajn fantomojn, nek batoj de'l sorto nek mokoj de l'homoj, ĉar estas tre rekta kaj tre difinita la Voj' de l'espero de vi elektita. Kaj... la nepoj vin benos...

## MIA VIZITO EN TENERIFO, insulo de la eterna printempo

*Prelegvojaĝo tra Hispanujo por plifirmigi la amikajn rilatojn inter Hispanujo kaj Egiptujo*

*Dro. Tadros Megalli*

La legantoj de «Boletin» certe rimarkis mian bildon kun kelkaj frazoj pri mia prelego en La Laguna, publikigitan sur la unua paĝo de «Boletin» Nro 18. Mi ŝatus hodiaŭ rakonti al la legantoj iom pri miaj impresoj de mia vizito en Tenerifo. Mi restis sur tiu belega insulo, kiun oni nomas «insulo de la eterna printempo» kaj «insulo de la feliĉuloj» preskaŭ dek semajnojn por ripozi, kaj dum tiu tempo mi ankaŭ havis la ĝojon konatiĝi kun la samideanoj en Tenerifo, precipe kun nia mondfama s-ano Régulo Pérez en LA LAGUNA kiu aranĝis por mi tre sukcesintan prelegon pri mia hejmlando «Egiptujo» en la universitato; ankaŭ kun samideano de Diego del. de UEA en Santa Cruz, kaj la prez. de Esperanto societo en Tenerifo S-ano Manuel Manteca el Icod. Mi vere pasigis agrablajn horojn kun ili precipe kun S-ano Régulo. En Tenerifo oni povas sin bani en la maro jam en Januaro, en la tempo kiam en Germanujo, kie mi nun vivas estos 20 gradoj sub nulo! La diferenco de 38 gradojn estis por mi mirinda kaj surpriza! Tenerifo estas plenplena de turistoj el ĉiuj partoj de la mondo la tutan jaron. Tie mi ankaŭ manĝis multajn fruktojn kiuj kreskas en varmaj regionoj, kiel ĉe ni en Egiptujo! ekz. la kaktus-figoj, la Guavo, maizo ktp. ankaŭ sukerkanoj. Mi ĝuis ekskurson al «Tejde» la plej granda vulkano kun pli ol 3.800 metroj alta! Pri tiu mia vizito mi faris pli ol 150 kolorbildojn, kiujn mi eventuale uzos kiam mi prelegos pri la kanariaj insuloj mi ankaŭ skribis artikolon por araba gazeto en Kairo. Survoje al Germanujo mi haltis en Barcelono por du tagoj kaj tie mi prelegis ĉe la grupo «Stelo de Paco» pri la temo «antikva kaj moderna Egiptujo» kun kolorbildoj kaj araba muziko. Ĉeestis pli ol 70 gesamideanoj. Bedaŭrinde mi ne povis resti pli longe en Barcelono kaj Hispanujo, ĉar intertempe mia edzino naskis filineton «Iris», kiun mi sopiras vidi. Sed mi intencas reveni al la gastama lando Hispanujo por komenci prelegvojaĝon tra la tuta lando. Mi jam spertis dum la mallonga tempo kiun mi restis en Barcelono la gastamecon de la hispanaj samideanoj. En Barcelono mi estis gasto ĉe gesinjoroj Nuez-Pérez, kiuj ankaŭ estas vegetaranoj, kiel mi kaj vere ĝojigis min ke la vegetara movado en Hispanujo estas tre disvastigata, kaj ke oni povas havi en Barcelono en specialaj vegetaraj butikoj vere tre nutrigajn vegetarajn manĝaĵojn. Mi do intencas reveni al Hispanujo por prelegi pri Egiptujo kaj pri la arabaj landoj. Mia celo estos plifirmigi la amikajn rilatojn inter mia lando, la arab.-landoj kaj Hispanujo. Mi ja rimarkis dum mia vizito al Tenerifo kaj Barcelono ke multaj kutimoj kaj tradicioj tre similas al la arabaj! Mi havas diversajn temojn, kaj jam donis en la lastaj 16 jaroj pli ol 4.000 prelegojn en dudek landoj, ĉiam varbante por Esperanto! Estus ankaŭ bone se la hispanaj grupoj aŭ individuoj aranĝu prelegojn publikajn kaj en lernejoj! Tiu estos bona varbado por Esperanto! Por pluaj informoj koncerne tiun mian planotan prelegvojaĝon bonvolu skribi al mi kaj mendu mian prospekton, laŭ tiu mia nuna adreso:

8191 Münsing am Starnberger See, okc. Germanujo
D-ro Tadros Megalli, egipta ĵurnalisto



# ETERNECO

(Navarra Legendo)

*A. Nuñez Dubús*

Ankoraŭ en la templo daŭre sonis
la Gregoriaj kantoj de l'*Amen*
L'abato finbenadis kaj ordonis
kutiman ripozadon en ĝarden'.
Poste, la sankta vir'je blanka haro
paŝadis malrapide al arbaro.

Li ŝajnas ja trankvila, mienserena,
impona la staturo, li majestas
kaj plena de saĝec' kaj raciplena
trankvila, li antaŭ subuloj, restas;
sed kiel vulkanfajr' sub neĝa krusto
ardadas brulpasi' en lia brusto.

Ho eternec'! Ĉu povas ja la homo
eterne daŭri, adi sen enu?
Eterne ĝoji en l'eterna domo?
Kiel eterna ĝoj'eterna ĝu'?
L'abaton turmentadas tia penso
kvazaŭ najlata sago en la menso.

La kavaliro rajdas kaj militas
por la atingo de milita glor'
Li sangon versas, sojfas kaj elsvitas;
kaj' se ne mortas li en frua hor',
neniam —lin konfesis kavaliro—
milita gloro plensatigas viron.

Klopodas por akiri hom' bienon
eĉ al la krimo iras pro la or?;
sed la posedo de la riĉa pleno
ne feliĉigas en satata kor'
Li aŭdis certe el la konfesato
konfeson plenan pri la ormalsato

Junulo serĉas amon kaj kuraĝe
pro ino luktas, ploras kaj batalas,
eĉ freneziĝas, agas li malsaĝe:
la vivo estas, sen la am', banala;
sed kiam fine, ŝian li akiras
kvazaŭ fumaĵ' la iluzi' foriras

La komercisto la riĉaĵojn celas
per justaj aŭ maljustaj la rimedoj,
riĉiĝinte, pluajn riĉojn li akcelas;
nur mono, oro estas liaj dioj.
Kaj tamen, kvankam jam li riĉe riĉa,
neniam or' lin igas tutfeliĉa

Kiel, do, ĉiam feliĉec' ĉiela
kion atingi povas or' nek am'?
Kiel eterna ĝoj'eterne hela,
eterna ĉio kaj eterna sam'?
La bruston sen esper' l'abato frapas
kaj kun dolor' singult' el buŝ' eskapas.

Kaj jen en la silento de l'kverkaro
eksonas dolĉa kanto, brila tril'
Kaŝata, nevidebla najtingalo
plenigas ĉion per la gorĝfajfil'
Cerbumi ĉesas la pensanta viro,
aŭskultas li, ĉarmata pro la miro.

Ne haltas muzikanta la birdeto:
jen trilo, jen fajfado, jen pepad',
jen arpeĝado, ĉiam sen ripeto,
jen kvazaŭ riveret', jen laŭ kaskad?
L'abato nek plu pensas nek singultas;
nur sentas li kaj aŭdas kaj aŭskultas

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...
... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Jam vesperiĝas. L'abat' sin levas.
La propaj zorgoj venas al memor'.
Al l'abatejo li reiri devas
por la prezido de l'vespera ĥor'.
Li prenas la bastonon malrapide;
li vidas ja la domon vid'al vide

Li frapas je la pord'. Monaĥ' malfermas.
Timiĝe li rigardas la venanton.
En menso de Viril' surprizo ĝermas:
Monaĥo tiu, Kiel nekonata?
Kaj Kial li, ja strange blankvestita,
anstataŭ la tutnigra vesto rita?

Kion Vi petas al ni, mia frato?
Demandas laŭ kutimo la pordisto.
Min Vi ne konas! Estas mi l'abato.
Sed rediras la frato kun insisto:
—La abato? Li nun la vesprojn preĝas
kaj dece en ĥorej' la grupon reĝas.

Pordist, lin konsideras frenezulo;
li tamen, lin kondukas al gastejo,
Neniam, eĉ al plej malinda ulo
rifuzas Benedikao monaĥejo.
Poste, abaton sian li avertas,
dum ĵusvenint' protestas kaj disertas.

Por juĝi pri afero tiel stranga
kunsidas la monaĥoj kun l'abat'.
La nekonata ĉef', vestaro blanka
mirigas sanktan viron sen kompat';
sed kun mien'serena kaj helbrila
mi estas, diras li, abat' Virila

Aŭdinte tion, la monaĥ' maljuna
pro jaroj kaj pro fastoj dorskurbata
alproksimiĝas al abato nuna
kaj, rajto por paroli permesata,
komencas li per voĉo tre humila:
Mi aŭdis iom pri abat' Virila

Kiam mi, juna, monaĥejon venis
al mi rakontis plencentjara patro
ke, novictempe li noticon prenis
je sia vic'el plej maljuna frato
ke Virila, abato siatempe
iam iris al promenad? printempe

Monaĥoj liaj vane lin atendis.
Neniam li revenis el arbaro
kaj la fratar' sendube prikonsentis:
Englutis certe lin sovaĝbestaro;
sed tio, diras la kronikeventoj,
okazis antaŭ pli ol tri jarcentoj.

Tri jarcentoj! kaj nur birdeta trilo!
tri jarcentoj! Ho kia Dia lumo!
La kofuzatan viron trafas brilo,
disigas lia dubo kvazaŭ fumo.
Li falas teren, kaj vizaĝ' al tero
mortante benas Dian la misteron.



---

Notoj.—La rakonto estas popola Navarra legendo. Tamen Abato Virila ne estas legenda homo. Li vivis en la komenco de la X jarcento. Ekzistas pruvoj ke en la jaro 928 la abato de Leyre nomiĝis Dom Virila.

La Katolika Eklezio celebras lian feston la 10an de oktobro.

---

**forpasis...**

S-ro Henri MICARD, Fondinto kaj Eks-Prezidanto de la Esperantista Kulturdomo «Gresillon», mortis la 26 mayo 1966.

Nian sinceran kondolencon al lia familio kaj Administrantaro de la Kulturdomo de la Franclandaj Esperantistoj.

# POSTMORTA OMAĜO AL KARA PROFESORO DELFI DALMAU

En Barcelona, ĉe Klubo de Amikoj de UNESCO, la tiea Esperanto-Grupo, la 23an. de Aprilo, organizis Solenan Kunsidon omaĝe al kara Profesoro Delfí Dalmau kiu forpasis la 15an. de Aprilo en la pasinta jaro.

Antaŭ la multnombra ĉeestantaro, oni povis konstati kiel fervore kaj unuanime la esperantistoj restas fidelaj je la memoro de la forpasinta majstro. Lia respektinda familio kiu emocie ĉeestis al tiu omaĝo, meze de profunda ĉagreno, povis senti iom da konsolo, konstatante la ĉiesan noblan senton pri la plorata karulo.

Sro. M. Vilagrán malfermis la Kunsidon, prononcante emociĝemaj esprimoj je rememoro al la omaĝato.

Samideano P. Nuez anoncis la ricevon de aliĝaj leteroj, kaj amiko Tomás Alberich legis la tekstojn de Dro. Sancho Izquierdo, Dro. Rafael Herrero, Grupo de Esperanto Aŭroro, V. Hernández Llusera, Ramón Molera, Johano Gironés, Salvador Gumá, Antono Gamboa, kaj Teo Jung. Sro. Renom legis belan aliĝon de samideano Luis Mimó kiu ĉeestis kun lia familio al la omaĝo. Post la Kunsido alvenis leteroj de Profesoro J. Aragay, kaj poeto G. Mora Arana sendis belan soneton.

Sro. Jozefo Anglada, kiu pro specialaj familiaj cirkonstancoj ne povis ĉeesti la omaĝon, komunikis ke, spirite, estis inter la gesamideanoj, rememorante la noblan Profesoron Dalmau.

Ĉeestis al la Kunsido, kune kun la Barcelonanoj, amikoj el Sabadell, Tarrasa, Manresa, Villafranca kaj Villanueva.

Profesoro J. Gómez Ibars, je nomo de la Estraro de Klubo de Amikoj de UNESCO, dediĉis belajn frazojn de respekta aliĝo al la omaĝo.

Veterana samideano S. Chaler prononcis aŭskultindajn vortojn kun nobla pasio pri la karega forpasinto.

Samideano J. Alberich, rememoris tiun epokon kiam li fariĝis esperantisto kaj esprimis kondolencan senton pro la granda perdo de la neforgesebla Profesoro Dalmaŭ, ĉiam nobla homo, eminenta pedagogo kaj bonega amiko.

Sekve sinjorino Vilagrán kun samideanoj Tur kaj Velez legis, trilingve, altvalorajn artikolojn verkitaj de la omaĝato, defendante fervore la noblan kaŭzon de Esperanto.

Fine oni aŭdigis la sonbendigitajn vortojn, tutplenajn de emocio, de admiro kaj ega estimo kiujn dediĉis al Profesoro Dalmau, je la momento de lia forpaso, Dro. Sancho Izquierdo, Dro. Mariano Solá kaj la poetoj Francesc Vilá kaj Mora Arana, post la bela parolado de la forpasinto. Sur la sonbendo, la partoprenantoj estis anoncataj de juna semideanino María Angela Vilagrán kies voĉo sonis klare kaj bele.

Samideano Vilá fermis la Kunsidon, dankante la ĉeeston al ĉiuj gesamideanoj, je nomo de la familio de Profesoro Dalmau, kies vidvino, donace, ricevis la sonbendon.

Ankoraŭfoje, Esperanto pruvis ke ĝi no nur estas lingvo, sed frata sento.

*HEFANO*

## DE INTERES PARA LOS PROFESORES DE ESPERANTO

Con motivo del XXVII Congreso Español de Esperanto en Bilbao, se hará un 10% de descuento en todos los libros de enseñanza del Esperanto, incluso diccionarios, en venta en la exposición que se montará al efecto.

## ✳ *Ni legis por vi...*

*SPIRITVS.—Suplemento da revista Sabedoria. Rio G.B. 1964. Director-Responsavel: C. Torres Pastorino. Director-Gerente: Nelson Alfonso. Redactores: Grupo de Estudos Spiritvs. Redaçao e Administraçao: Rua Senador Dantas, 117, Loja E* (ZC-06) *Rio de Janeiro* (*G. B.*) *Brasil.*

Kiel suplemento de la revuo SABEDORIA kaj kun valoraj kontribuaĵoj de C. Torres Pastorino, Pietro Ubaldi, Humberto Mariotti, Antonio Zaccheo, Ismael Gomes Braga, Vianna de Carvalho kaj Jorge Andrea, aperis en Rio de Janeiro la kvarlingva kajero SPIRITVS, kies bonegaj artikoloj estas rezulto de profundaj esploroj de la membroj de la «Grupo de Estudios Spiritvs» (G.E.S.), kaj kunlaboraĵoj de eminentuloj en la kampo de la penso kaj psika esploro. En Esperanto omi legos kun ĝuo la bonegan tradukon de verketo de Sir Arthur Conan Doyle, fare de la brazila samideano I. Gomes Braga.

N. L. ESCARTIN

*VOCABULARIO ESPAÑOL-ESPERANTO.—E. Tudela Flores. Segunda Edición. Valencia* 1966. *Prezo*: 185 *pesetoj.*

La jam delonge atendata vortaro de D-ro Tudela finfine aperis en 528 paĝa volumo, tole bindita en plaĉa prezento kaj formato (12,5 x 17 cm.) kaj klare legebla litertiparo en zorga preso. Ĉiuj ja scias kiom akre estis sentata ĝis nun la manko de bona vortaro Hispana-Esperanto, ĉar la antaŭaj eldonoj jam estis delonge elĉerpitaj.

Recenzi vortaron estas ja delikata tasko. Certe niaj legantoj interesitaj pri leksikologio tion scias: kompili vortaron postulas grupan laboron de fakuloj aŭ personoj kun similaj studoj. Nur tiel, la laboro povas doni kontentigan rezulton kaj plenumi sian celon. En alia okazo la rezulto povas esti bedaŭrinda, kaj la sekvojn suferos tiuj, kiuj, en okazo de traduko, trovos en la vortaro erarigajn aŭ neprecizajn esprimojn anstataŭ la bezonatan vorton. Nur tiuj, kiuj jam estis devigitaj traduki verkaĵon en Esperanton, ĝuste valoros la klopodojn de konscia kaj kompetenta vortaristo.

Ekde la unuaj eldonoj de liaj vortaroj, niaj legantoj taksis kaj laŭtigis la kapablojn de D-ro Tudela kiel vortariston. En nia revuo oni ofte legis pri la granda estimo kiun li ĝuas ĉe la esperantistoj pro lia daŭra klopodo por altigi nian leksikologion en rilato kun la hispana lingvo, do mi aldonos nenian komentarion pri ĉi tiu punkto. Mi diros nur, ke la eldono de ĉi tiu vortaro prezentas konsiderindan plibonigon en komparo kun la antaŭa eldono. Oni devas bedaŭri nur tion, ke la aŭtoro estis devigita kripligi sian verkon pro eldonaj postuloj, kio senis la vortaron je vortoj kiaj: (mi hazardas la paĝon) inconmovible, inexperiencia, innegable, intransigencia, insospechado... Tamen en aliaj lokoj troviĝas nenecesaj klarigoj. Sed ni ne diskutu pri vortelekto!

Resume: ni ĝoju ĉar ni jam havas bonan vortaron kiu kvankam ne estas kompleta, estos grava helpo kaj plia paŝo al pli altaj atingoj. Gratulon al la kompilinto ĉar lia tasko certe estis peniga kaj malfacila.

N. L. ESCARTIN

*ĈIES FATIMO* (*kun ok ilustroj kaj mapo*). — *Kunmetita por la RR. PP. Karmelitoj de G. D. Walton. Eldono en Esperanto el la angla "Everyman's Fatima". Casa Beato Nuno, Fatimo. Portugalujo.*

La 13an de majo 1917, kiam la gefratoj Lucia, Francisko kaj Jacinta estis paŝtantaj la ŝafaron de siaj gepatroj, apud la Cova da Iria, situanta ĉirkaŭ du kilometrojn okcidente de Fátimo, vidis subite aperi intensan lumekbrilon. Tute mirigitaj kaj iom timaj ili intencis fuĝi sed sur nubeto super verda kverko ili rimarkis «sinjorinon blankvestitan kaj pli brilan ol la suno», kiu diris al ili: «Ne estu timemaj, mi faros al vi nenian malbonon». Poste, al iu demando de Lucia, la Sinjorino diris al ŝi, ke la Sinjoro volas uzi ŝin por ke Ŝi estu konata kaj amata. Li volas starigi en la tuta mondo la kulton de la Senmakula Koro de Maria.

Interesaj priskriboj, fotoj kaj mapo, kune kun la muziknotoj de la Adeus Final, kaj vortareto de esprimoj utilaj en portugala kaj Esperanto faras el la libreto utilan kaj interesan gvidlibron, kiun certe ŝatos ĉiuj, kiuj interesiĝas pri religiaj aferoj.

N. L. ESCARTIN

*PUIG CASTELLAR. N.º* 2. *Segundo semestre. Año* 1965. *Boletín de la Sección de Estudios de este Centro excursionista* (*Segunda Epoca*). *Santa Coloma de Gramanet, San José,* 20.

Tre interesa kaj altkvalita faka revuo kun konciza sed riĉa resumo en Espe-

ranto, kies tradukon —bonega!— oni ŝuldas al S-ro Petro Nuez.

Valoraj artikoloj en hispana kaj kataluna lingvoj riĉigas la enhavon de ĉi tiu dua numero.

N. L. ESCARTIN

70 *JAROJN, LA NATURAMIKOJ.-Fest-kaj Varboverketo pro la sepdekjara ekzisto de la Naturamikoj. Redakcio: Albert Georgi, Zürich, Vizepräsident der Naturfreunde-Internationale.*

Por festi la sekdekjaran ekziston de la Naturamikoj, la Naturfreunde-Internationale eldonis ĉi tiun grandformatan belaspektan revuon en kvin lingvoj, inter kiuj troviĝas la Internacia.

La revuon frande ĝuos ĉiuj naturamikoj pro la belegaj fotoj kaj interesa teksto.

N. L. ESCARTIN

MUZILO-KAJERO. N.° 4. Prof. H. Paruzel. Eldonis: MUZILO, Frederikstraat 2, Dordrecht-Nederlando. Prezo: 5 ned. guld. 20 steloj.

LA BATALLA DE LA ALFABETIZACION. Mary Burnet. Publicado en 1965 por la Organización de las Naciones Unidas para la Educación, la Ciencia y la Cultura (U.N.E.S.C.O.). Place Fontenoy, París-7.

ALFABETIZACION: Tres Proyectos Principales. Reproducido de la «Crónica de la Unesca». Vol. XI, núm. 12 (diciembre 1965); vol. XIII, núm. 3 (marzo) 1966. UNESCO, Place Fontenoy, París-7.





## deziras korespondi...

POLLANDO. — Zawidów, ul. Wilcza nr. 2b pow. Lubán Sl., S-ro. Józef Rogowski, 25 jara fraŭlo, deziras korespondi kun hispanaj gesamideanoj precipe pri Esperanta literaturo kaj vivo de esperantistoj eksterlande.

SVEDUJO.—Eksjo, Albert Engstromsgatan 27 Carl-Rune Lindenmo, 43 jaraĝa, deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj pri ĉiuj temoj

SVEDUJO. — Mólndal, Abybergsgatan 32. S-ro. Arne Bengtsson. 47 jaraĝa, deziras korespondi pri ĉiuj temoj.



# LA KAMPANJO «ESPERANTO EN LA SPORTOJN» BONE PROGRESAS

Apenaŭ en oktobro 1965 la Instituto por Oficialigo de Esperanto (IOE) lanĉis la kampanjon «Esperanto en la Sportojn» (vidu «Heroldo de E.», la nov. 1965), kaj la unuaj rezultoj jam montriĝas.

Helpe de la pluraj dekoj da kunlaborantoj en la fako «sporto» IOE fondis Internacian Sportan Komitaton Esperantistan, konsistantan el landaj sekcioj. Du tiaj sekcioj jam plene funkcias, dum kelkaj pluaj estas en formiĝo. La meksika sekcio jam kontaktis la organizantojn de la proksima Olimpiko, kaj elektis kiel sian honoran prezidanton Lic. Miguel Alvarez Acosta. Ankaŭ la sekcio jugoslavia tre aktive laboras.

La jugoslavia sekcio de ISKE (Internacia Sporta Komitato Esperantista) kontaktis multajn elstaranjn sportistojn kaj funkciulojn, el kiuj pluraj subskribis alvokon al la sportistoj de la mondo lerni Eon kiel la plej taŭgan interkomprenilon por ĉiuj sportistoj de la mondo.

En malferma letero la jugoslava ormedalisto en gimnastiko (Tokio), Miroslav Cerar interalie diris: «Dum la Olimpiko en Tokio bedaŭrinde kun malmultaj mi povis komunikiĝi... pro manko de komuna lingvo. Pro tio mi alvokas ĉiujn sportistojn kaj sportamantojn lerni la internacian lingvon Esperanto, kiu sendube multe kontribuos al la internacia alproksimiĝo de la sportistoj de la mondo».

Branislav Simiĉ, gajninto de ormedalo en lukto dum la Olimpiko en Tokio, deklaras en aperta letero: «Mi konsideras ke Esperanto, lingvo sen nacia aparteno, krome tre facile lernebla tute ebligus al unu granda homa familio, tiu de la sportistoj el la tuta mondo, pluan alproksimiĝon, pli kompletan konatiĝon ne nur kun la sportaj sed ankaŭ kun aliaj problemoj ligitaj al la vivo de la junaj homoj. Tutkore mi aliĝas al la iniciato ke Esperanto estu enkondukita kiel la internacia lingvo de la sportistoj».

Rezulte de la aktiveco de la Hungara Esperanto-Asocio (kiu ankoraŭ ne fondis sekcion de ISKE), grupo de 18 elstaraj sportistoj, sportfunkciuloj kaj sportĵurnalistoj publikigis apertan leteron en la gazeto «Népszava», en kiu interalie ili diras, ke la nobla ideo de internacia amikeco inter la sportaj konkurantoj de la mondo povas nur parte realiĝi... pro la bone konataj lingvaj malfacilaĵoj. «Konklude, ni turnas nin al la respektindaj gvindantoj de la sportmondo, al la Internacia Olimpika Komitato kun la peto: ili akcelu, ke dum la internaciaj sportaj renkontiĝoj la ĉiam pli populariĝanta Esperanto estu akceptata kaj uzata kiel interkonsentita, oficiala lingvo».

Subskribis tiun ĉi apertan leteron inter aliaj d-ro Ferenc Török (ormedalo pro skermo, Tokio), Gyula Zsivotzky (ormedalo pro martelĵeto, Tokio), pluraj membroj de la teamoj gajnintaj ormedalojn en fudbalo, akvopolo kaj skermo.

La C. O. de UEA sendis al la Internacia Olimpika Komitato apogan leteron kaj informan materialon de CED.

Siavice la Internacia Sporta Komitato Esperantista (ISKE) de IOE sendis al la Internacia Olimpika Komitato detalan leteron kun klarigo de la cirkonstancoj, kaj la propono: a) rekomendi al ĉiuj sportistoj kaj funkciuloj la lernadon de Esperanto, kaj b) rekoni Esperanton kiel unu el la lingvoj uzotaj en la Olimpikoj.

Proponon pri kunlaboro kaj alian korespondaĵon koncerne tiun ĉi kampanjon bonvolu direkti al ĝia gvidanto: Tibor Sekelj, Pop Lukina 1, Beograd.

 

# LA IGLESIA CATOLICA HA INTRODUCIDO EL ESPERANTO EN LA LITURGIA



El Presidente de la Unión Internacional de Esperantistas Católicos envió una carta oficial al Cardenal Lercaro pidiendo para la lengua auxiliar internacional Esperanto en la Liturgia Católica los mismos derechos reconocidos a las lenguas nacionales y regionales. Pero aunque la petición parecía comprensible después de la innovación de los ritos de la Iglesia, apareció una dificultad imprevista porque la ley se refería únicamente a las lenguas nacionales, sin tener en cuenta las internacionales.

La Comisión Litúrgica reconoció aquel derecho, pero no pudiendo traspasar los límites de la Ley, dejó la decisión al Papa. Surgieron ciertas reacciones contrarias y parte por este motivo que pedía de la autoridad eclesiástica absoluta prudencia y parte por lo excepcional de la petición, se quiso examinar a fondo la cuestión. Se pidieron pruebas documentales sobre la difusión del Esperanto en general y en el campo católico, sobre su literatura, nombres y direcciones de obispos y sacerdotes, asociaciones nacionales y grupos locales, congresos internacionales e instituciones que se sirven del Esperanto, etc.

Finalmente, en la audiencia concedida al Cardenal Lercaro, Presidente del Consilium para la aplicación de la Constitución Litúrgica, el 21 de abril de 1966, el Papa Paulo VI accedió favorablemente a la petición de poder emplear el Esperanto en las lecturas y oración de los fieles de la Misa, en las reuniones y congresos esperantistas. Indica el Decreto que los textos serán preparados cuidadosamente por un grupo de esperantistas y presentados al Consilium para la necesaria aprobación de Monseñor Eduardo Macheiner, Presidente de la Comisión Litúrgica de Austria.

Los esperantistas están de enhorabuena al comprobar que la más alta autoridad eclesiástica ha reconocido oficialmente la existencia y utilidad del idioma auxiliar internacional admitiéndolo en los ritos religiosos. La Iglesia Católica que podía parecer la última de las instituciones mundiales que lo quisiera aceptar por tener el latín como «su lengua internacional ha incorporado también el Esperanto, «el latín del pueblo siendo una de las primeras en admitirlo y precisamente en la acción más santa: la Misa.

Tiene importancia también que no lo haya concedido fácilmente, sino después de un serio y profundo examen.



TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. 375 - 63